# gaja haveno 38

Porto Alegre, RS, Brazilo | **Aŭgusto 2017 |** Kreita en 1997
Redaktas César Dorneles Soares | dornelespoa@gmail.com

La bruligema Qin

Lúcia Marder kaj Verda Kafo

Esperanto ĉe UNIPAMPA

Napoleono kaj la *buona parte*



La rolo de DESSEAK en la gaŭĉa E-Movado

# ◢Kelkvorte

**Laŭ studo** publikigita en la scienca revuo *eLife*, "post cent jaroj la mezuma usonano falis el la 3a al la 37a loko inter la plej altaj enloĝantoj en la planedo". La popolo fariĝis tiu kiu plej malrapide kreskas laŭ alto post cent jaroj pro la pligrandiĝo de la malegalo kaj la degradado de la nutrado. (*Le Monde Diplomatique Brasil* n-ro 119)

**Onidire** iam Napoleono Bonaparto, la franca imperiestro, parolis kun juna itala damo. Li demandis al ŝi: *Tutti gli italiani danzano si male?* (*Ĉu ĉiuj italoj dancas tiel malbone?*) kaj ŝi tuje respondis: *Non tutti, ma buona parte* (*Ne ĉiuj sed grandparte*).

**En la 3a jc a.K.** ĉina imperiestro Qin kondamnis al la brullignaro miloj da historiaj skribaĵoj por ke li havu la nuran vidpunkton pri la ĉina pasinteco. La flamoj daŭris tri jarojn. Nur post kiam mil intelektuloj estis enterigitaj vivantaj la persekutado alvenis al la fino.

**La nazioj** forbruligis 16 milionojn da libroj kiam ili invadis Pollando okaze de la la Dua Granda Milito.

# ◢Matilda




---

**En Chuí, RS**, avenuo apartigas du landojn: Brazilon kaj Urugvajon. Ĉe la brazila flanko, ĝi nomiĝas av. Uruguai; ĉe tiu de la urugvaja, en la urbo Chuy, ĝi nomiĝas Brasil.

**La vorto** *semajno* devenas el la latina *septmana*, tio estas, *sep matenoj*. Tia tempodaŭro rilatas al tiu kiun la luno bezonas por ŝanĝi sian fazon. ▶

**En 131 a.K.** ekaperis io kio estas konsiderata la antaŭaĵo de la gazetaro tia kia oni konas ĝin nuntempe: la *Acta Diurna*, kiu simple temis pri ŝtono, eksponata antaŭ la roma Senatejo, sur kiu estis detale priskribitaj la lastaj okazaĵoj, kun temoj de ĝenerala intereso por la enloĝantaro.

**Pergajni la vivon** kiel instruisto ne estis facile jam en la antikva Romo. En la epoko de la imperiestro Aŭgusto, estis necese havi minimume 15 lernantojn por gajni la ekvivalentan salajron al tiu de mulinkondukisto. Ne estis lernejoj, la instruistoj luis klasĉambrojn aŭ instruis ĉe libera aero.



**Iom da humuro:** du italoj en senhoma insulo: post duonhoro ili ekkverelas. Du usonanoj en senhoma insulo: ili denuncas unu al la alia pri invado de privata propraĵo. Du angloj en senhoma insulo: post du jaroj ili ankoraŭ ne interparolis ĉar neniu prezentis unu la alian.

**Post la trovo** de mortigito en dormoĉambro en vilaĝeto kiu estas parte belga, parte nederlanda, fakaj termezuristoj estis venigitaj al la du landoj por eviti procedurajn misojn fare de la polico: okazas, ke la landlimo ofte pasas tra privataj domoj kaj la kadavro unuavide kuŝis *duone en Belgio, duone en Nederlando* - informis la revuo *Monato* en sia numero de oktobro 2008. Post tritaga ekzameno de la problemo, oni science pruvis, ke la kadavro kusas en nederlanda teritorio.

**En la 60aj jaroj** *Notícias Populares* (*Popularaj Novaĵoj*) estis san-paŭla taggazeto fama pro sia skandalema redaktlinio, kun tre frapokulaj ĉeftitoloj. Unu el ili, kiu famiĝis en la epoko, rilatiĝis al la kantisto Roberto Carlos, kiu feriis em Novjorko. Lia entreprenisto ne sukcesis trovi lin ie ajn iutage. La ĵurnalo en la sekvanta tago prezentis unuapaĝe la jenan ĉeftitolon: *Desapareceu Roberto Carlos* (*Malaperis Roberto Carlos*).

**La brazila portugala** havas 369 sinonimojn por la vorto *peniso*, *299* por vagino, *279* por prostituistino, 232 por *seksumi*, 125 por *anuso*, 90 por *postaĵo*, 72 por *sekskuniĝo* kaj 46 por *testikoj*. Jes ja! ●

# Mozaiko

> César Dorneles

## DESSEAK

Imagu tutan etaĝon diversĉambran en konstruaĵo je la dispono por instruado kaj aktivecoj rilataj al Esperanto! Tio estis DESSEAK - Departemento de Esperanto de Soc. Espírita Allan Kardec, la plej grava Esperantoinstanco iam ekzistanta en Porto Alegre. Meze de la 70aj jaroj komenciĝis kursoj en la menciita societo, unue en ties sidejo ĉe str. Andrade Neves kaj poste en ĝia "Nukleo 1" ĉe str. Fernando Machado. Mi tute certe ne povus ne mencii la valoregan laboron i.a. de homoj kiel S-ano Dorval da Silva Pereira (tiam prezidanto de SEAK, tiel pretema), S-anino Lucila Dávalos Fernandes (direktorino de DESSEAK dum multaj jaroj, tiel senlaca) kaj S-anino Nydia Aidós Krieger, mia karmemora instruantino kaj poste kolegino, tiel karisma, por ke DESSEAK estu transformita en unikan spacon por Esperanto niaurbe. Danke al DESSEAK multaj homoj lernis E-on kaj poste ekinstruis ĝin en aliaj lokoj de la urbo, kiel ekz. ĉe ESPA-Esperantista Societo de Porto Alegre, GEA-Gaŭĉa E-Asocio, Soc. Esp. Beneficente Bezerra de Menezes, União Espírita Porto-Alegrense kaj Grupo Espírita Francisco Xavier. Bedaŭrinde la tempo pasis, ŝanĝiĝis la estraroj de Allan Kardec kaj tiam komence de 2003 oni anoncis la finon de la E-departemento pro *financaj kialoj*. La Esperantomovado en Porto Alegre neniam plu restis la sama. ●

# Juvenalo

legas ĵurnalon

Nenio pli bona ol la internacia gazetaro por bone sciiĝi pri kio fakte okazas en Brazilo...



# Movado



**BKE/BEJK** – La 52a Brazila Kongreso de Esperanto kaj la 37a Brazila E-ista Junulara Kongreso okazis en Sorriso, MT, inter 15-18/jun kun la temo *Esperanto: lingvo kun historio kaj kulturo*. En la BEL-kongreso partoprenis ĉ. 120 homoj. En 2018 la menciitaj eventoj okazos en Curitiba, inter 31/mai kaj 03/jun.

**12a GRE** – Gaŭĉa E-Asocio okazigos inter 11-12/nov la 12an Gaŭĉan Renkontiĝon de Esperanto, ĉe aŭditorio de la Leĝofara Domo. La temo estos *Esperanto en RS: novaj tempoj, novaj defioj.* Pliaj informoj pere de www.esperantors.net.br.

**E-kursoj en Porto Alegre** – GEA-Gaŭĉa E-Asocio aranĝas E-kursojn, ekde 2014, ĉe Kultura Centro CEEE-Erico Veríssimo ĉiusabate. Ĉijare bazan kurson sub la gvido de Miguel Rocha Bento kaj plibonigan kurson sub la respondeco de instr. César Dorneles Soares. Ankaŭ baza kurso al du klasoj – lunde kaj ĵaŭde – estas realigata ĉe FERGS-Federação Espírita do Rio Grande do Sul, sub la kursgvidado de Carlos Dionel L. Machado (lunde) kaj Tereza J. da Silva Jobim (ĵaŭde).

**Esperanto en Jaguarão, RS** – Ekde 2015 bazaj kursoj de E-o estas realigataj en Jaguarão, RS, de la Lingvo-Centro de UNIPAMPA, sub la kunordigo de prof. Denise Moser. Studento Yuri Souza gvidas ĉeestan bazan kurson nuntempe. Kurso je distanco ankaŭ disvolviĝas. Entute 129 homoj enskribiĝis al la du kursoj ofertataj en 2017.

## Kalendaro

En aŭgusto, inter aliaj eventoj:

**05-12/aŭg** – Internacia Junulara Kongreso, en Anejo, Togolando.

**07-14/aŭg** – 67a Kongreso de KELI – Kristana Esperantista Ligo Internacia. En Zöblitz, Germanio.

**19/aŭg** – Paralela Universo. Tutmonde. Paralela Universo estas unutaga festo de Esperanto, okazonta en diversaj lokoj samtempe.

**25-27/aŭg –** Esperanto-filosofia Seminario. En Alsóörs, Hungario.

**25-28/aŭg** – 2a ABELO. Apud-Berlina Esperanta Ludado.

**26/aŭg-02/sep** – Itala Esperanto-Kongreso. En Heraclea, Italio.

**26/aŭg-02-sep** – Tendumado de la Verdaj Skoltoj dum la Itala E-kongreso. En Policoro, Italio. ●

## Onidire

La malbonaj politikistoj damaĝas la reputacion de la aliaj 10%.



**> Groucho Marx.**

Eblas juĝi la gradon da civilizo de iu societo vizitante ties prizonojn.
**(Dostoievski**, *Krimo kaj Puno*

La idealistoj estas la realistoj de la Bono.
**(Nekonato)**

Antaŭ ol mi edziĝis mi havis ses teoriojn pri la plej bona maniero eduki la filojn. Nun mi havas ses filojn kaj neniun teorion.
**(Rochester)**

## Humure

**Elefanto** vagas en ĝangalo kaj subite trafas nudan viron starantan meze de densejo. Rigardante lin kap-ĝis-piede la elefanto demandas:
- Kaj eblas, ke vi nutriĝu per tio?!?

**La edzino**, apud la lito en kiu la edzo kuŝis serioze malsana jam de kelkaj semajnoj, skribas leteron (portugallingve) al amikino. Ŝi interrompis la taskon, akproksimiĝis al la lito kaj demandis al la malsanulo:
- Karulo, ĉu oni skribas *agonizante* per *s* aŭ *z*?

---

Pli ol la ideoj estas la interesoj kiuj apartigas la homojn.
**(Tocqueville)**

Iam la bestoj parolis; hodiaŭe ili eĉ skribas.
**(Barão de Itararé)**

Kiam la vizaĝo ridetas, tiam naskiĝas la suno en la koro.
**(Japana proverbo)**

Filozofio, dolĉa lakto de la malbonsorto!
**(Shakespeare)** ●

# ◢Prilingve



**Komputilaj terminoj**

**(al)klaki** = clicar
**alŝuti** = enviar
**cifereca** = digital
**datumo** = dado (informadika donitaĵo)
**dosiero** = arquivo
**dosierujo** = pasta, diretório
**ekrano** = tela, monitor
**elŝuti** = baixar
**forviŝi** = deletar
**klavaro** = teclado
**klavi** = teclar
**komputilo** = computador
**ligilo** = *link*
**muso** = *mouse*
**pasvorto** = senha
**printi** = imprimir
**printilo** = impressora
**retpaĝo, retejo** = saite
**retpoŝto** = *e-mail*
**ret(poŝt)adreso** = *e-mail*, endereço eletrônico
**tiparo** = fonte ●

> Fonto: http://www.esperanto-nb.de/tekniko/tekniko-terminoj.html

# ◢Mankas krotaloj

> William Auld

Mi ĝojas,
ke ĉi tie ni ne havas
krotalojn.

ni havas financistojn
politikistojn
televidon
prudulojn
kaj ankaŭ aliajn
venenaĵojn.
Sed krotalojn
ni ne havas.

La vivo povus esti
eĉ pli malagrabla. ●

# ◢Verdkore kaj Verdkafe

> Lúcia Marder



Estis dum posttagmanĝa tempo, la vetero estis ege varma preskaŭ 32 gradoj, kiam okazis Verda Kafo-kunsido. Mi prenis kelkajn librojn de mia biblioteko kaj ordigis tiujn ene de malgranda saketo por kunporti ilin al esperanta kunsido "Verda Kafo". Verda Kafo temas pri renkontiĝo de Esperantistoj en Porto Alegre ĉe restoracio en la urbocentro, ĉiam en la lasta sabato de ĉiu monato, je la 4-a posttagmeze. Ĝi okazas pomonate jam delonge antaŭ 31 jaroj. Estis S-ro Otto Vaske kiu donis la unuan paŝon por konkretigi la eventon en la jaro 1978. Tiutempe mi neniam aŭdis ion ajn pri Esperanto. Kia bedaŭro! La ideo forte kreskis kaj floris. Ĝis nun "Verda Kafo" estas la plej altstara esperanta kunsido ene de la gaŭĉa esperanta movado.

Verdire hieraŭ mi havis pruvon pri la efiko de tiu renkonto. La esperantistoj kiuj renkontiĝas tie nur parolas esperante kaj tiu fakto atentigas la aliajn ceterajn klientojn pri la lingvo kaj multaj demandas al la kelnero per kiu lingvo tiu grupo da homoj parolas. Kaj estas kiam, ni, povas plibone propagandi la utilon kaj ekziston de la lingvo.

La temo estis varia kaj abunda. Ni debatis pri gramatikaĵoj, literaturo, enreta e-ta komunumo, travivaĵoj en e-taj kongresoj kaj interŝanĝis librojn. Ni ridis, kafumis kaj bierumis.

Vi bone scias, ke kiam esperantistoj kunveniĝas la plejgrava afero estas paroli kaj paroligi en Esperanto. Kaj tiel glatis la afero. Kia bela kaj harmonia Verda Kafo! Kaj eĉ Verda Biemurado! Mi vere ĝojis... Mi venis hejmen kun lakoro plenplena je espero kaj konvinko pri kiel bele Esperanto vivas kaj daŭre restos sur la vojo de la homaro, kiel solvo pri paca homa kunvivado. Verdkore kaj Verdkafe. ●

> El *Jes Ja!* n-ro 5 (01/10-14/11/09). Originale publikigita en www.ipernity.com/karesema